



# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 60 (1) JANUARO - FEBRUARO/88





ADRESO DE A.E.A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 GIJON - 6


- - - - - - - - - -

ENHAVO




La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.
Depósito legal n-ro O/319/85


## EN LA DUA JARCENTO

Laŭŝajne, antaŭ la Homaro malfermiĝas nova kaj iel pli kontentiga erao per tiu sukcesinta inter la du Granduloj subskribo de interkunsento pri formalaperigado da tiaj neŭtronaj amasmortigiloj, kiuj kvazaŭ "Damokla glavo", super ĝi pendas.

Tia afero estas ankaŭ, eble eĉ "des pli", kontentiga por nia Movado, ĉar ja nedubeble, PACO konsistigas fruktodonan grundon por Esperanto kaj ĝojige estas ke la Esperanto-Movado tian grundon disponu precize kiam ni ekpaŝas la DUAN JARCENTON.

Nedubeble, la Cent-Jariĝon, la UNUAN JARCENTON, la JUBILEON oni plensukcese kronis per tia grava kaj amasa en Varsovio okazinta 72-a Universala Kongreso. Do, eble dum nia irado sur tiu ĵus malfermiĝinta vojo al la DUA JARCENTO, "la bela sonĝo de l'homaro... efektiviĝos" (1)

Laŭ vi povas konstati per atenta tralegado de la enhavo en nia hodiaŭa "HELECO", niaflanke ni jam komencis ornami tiun menciitan "vojo"-n per oportunaj agadoj cele al deca popularigo de Esperanto.

Do, kara leganto, plian fojon ni kalkulas je vi por atingi la "celo"-n kaj petas vian malavaran kontribuon.

Antaŭdanke ! kaj Ĝis !

ADONIS

---

(1) Esperanto estos formale agnoskita de plej multaj registaroj.

# NIA ANTENO

La 128ª datreveno de la naskiĝo de nia genia Majstro, Lazaro Ludoviko Zamenhof, estis solenita en Ĥiĥono en la 13ª de Decembro de 1987, sub la aŭspicioj de Astura Esperanto-Asocio.

Kolektiĝis tiucele kelkdekoj de gemembroj de la Asocio, al kiu aldoniĝis, okaze de la parolado kaj de la arta prezentado siatempe antaŭanoncitaj publike, aliaj kelkdekoj da ne-esperantistoj, plejparte simpatiantaj nian aferon kaj interesiĝantaj je ĝi.

La disvolviĝo de la aktoj okazis jene:

Je la 11ª horo, grupo da geesperantistoj alkuris al la strato Esperanto, kie oni metis po unu florbukedon apud la du nomtabuloj situantaj en la ekstremoj de la strato.Kelkaj fotoj estis faritaj pri la evento kaj pri grupetoj da ĉeestantoj. Tiamaniere oni daŭrigis jam tradicían kutimon.

Je la 12ª horo (kaj kelkaj minutoj !), nia s-ano Alcibiades legis paroladon titolitan "En el primer centenario del Esperanto". Li verkis ĝin hispane, ĉar ĝi estis ĉefe destinita al la neesperantista publiko, tial ke ĝia enhavo estis kvazaŭ malgranda historio de la internacia lingvo, kun klarigoj pri la atingitaĵoj en la diversaj kampoj de la vivo: socia, industria, literatura, scienca, eduka, dummilita, metia, asocia, k.c.

Tuj post la fino de la parolado kaj preparinte la scenejon de la teatro de la "KATEDRO "JOVELLANOS" DE UNIVERSITATA DISVASTIGADO (Socia sidejo de AEA) konforme al la sekvonta spektaklo, la "Ĥiĥona Arta Grupo" aperis antaŭ la publiko kaj regalis ĉiujn geĉeestantoj per bonega kaj belega prezentado, konsistanta el kantoj kaj dancoj, asturaj kaj hispanaj, ornamitaj per la multkoloraj belaj kostumoj portataj de la rolantoj. Oftaj tondraj aplaŭdoj aŭdiĝis, kaj tiu neforgesebla akto finiĝis premiita per apoteza aplaŭdado.

Pleniginte la korojn per la menciitaj emociaj programeroj, venis la vico plenigi la stomakojn per multe pli prozaj, sed evidente tre agrablaj kaj ŝatataj, elementoj. Grupo da samideanoj ariĝis ĉirkaŭ manĝotablo kaj, en tre amikeca kaj samideana etoso, ĝuis tre abundan, bonkvalitan kaj bongustan bankedon, dum kiu oni senpere vidis, tra la larĝaj fenestroj de la manĝoĉambro, la tutan strandon de la urbo kaj vastan maran panoramon. La restoracio ja estis je deko da metroj de la strandbordo, kaj la vetero estis sufiĉe favora, se konsideri la sezonon kaj la daton. Post preskaŭ trihora kunestado, oni iom-post-iome adiaŭis sin reciproke kaj kunportis hejmen profundan senton de emocia feliĉo kune kun la espero,ke oni denove spertos tiajn okazaĵojn en la fino de la nuna jaro. Tiel estu !

ALCIBIADES

# La verda komisarejo




## OFICIALA KOMUNIKO

Sciate, en la servo de tiu ĉi komisarejo jam de longe deĵoras du taĉmentoj, kiuj senlace kaj sindoneme persekutadas ĉiajn lingvoteroristojn, kies ĉefa agadmaniero konsistas en krimaj fuŝado de la gramatikaj reguloj de Esperanto kaj misuzado de la vortoj. La nomoj de la menciitaj taĉmentoj estas ZAMENHOF kaj VERDA STELO. La unua laboras ĉiam en la distrikto de "HELECO", kaj la dua havas sian operacikampon en la distriktoj de la ceteraj esperantistaj presaĵoj.

Nu, dum siaj esploragadoj, ambaŭ taĉmentoj venis al la konkludo, ke la lingvoteroristoj kvazaŭ duonkaŝe uzas alian rimedon por fuŝi la esperantajn tekstojn: mismetadon de la interpunkcioj, precipe de la komoj.

Kun la celo malebligi la danĝeran efikon de tiu ruzaĵo, la subskribanta ĉefkomisaro decidis krei novan specialan taĉmenton, nomatan VERDA LUMO, kies tasko estas zorge esplori ĉiujn distriktojn por malkovri la ekz[illegible] de tiaj artifikoj, se ili vere ekzistas, kaj averti la legemajn geesperantistojn pri tiu danĝero pere de niaj Oficialaj Komunikoj.

Tiu nova taĉmento jam ekagis, ĉifoje en la distrikto de "BOLETIN", kaj jen la rezulto de siaj esplorlaboroj en la numero 283, ĝis la nuna momento.

KOMOJ NENECESAJ TROVITAJ

En la paĝo 3, unu inter s-roj VALIDAS kaj ĈIUJ, en la 9ª linio.

En la paĝo 4, ses: post s-roj EBLE kaj ESPERANTISTOJ, en la 4ª linio; post s-ro ESTIS, en la 11ª linio; post s-ro KE, en la 15ª linio; post s-ino EBLA, en la 18ª linio, kaj post s-ro HEF, en la 27ª linio.

En la paĝo 6, unu post s-ro SEKCIO, en la linio 33ª

En la paĝo 8, unu post s-ro BULTENON, en la 12ª linio.

En la paĝo 9, tri: post s-roj AMIKECO kaj ESPERANTO, en la 11ª linio, kaj post s-ro ESPERANTO, en la antaŭlasta linio.

En la paĝo 10, unu post s-ro RESTI, en la 19ª linio.

En la paĝo 11, du: post s-ro SUPOZI, en la 18ª linio, kaj post s-ro CELO, en la lasta linio.

En la paĝo 15, unu post s-ro TEMPO, en la 16ª linio.

(daŭrigo sur la paĝo 10)

# Niaj Geamikoj el....

...Jugoslavio

## KNABINO SUPERIS LA SAĜON DE REĜO

(JUGOSLAVA POPOLA RAKONTO)

En iu groto vivis iu malriĉulo, kiu havis nur sian filinon. Ŝi almozpetis ĉie, kaj ankaŭ ŝi lernigis la patron almozpeton kaj kion li parolu.

Foje venis la malriĉulo al la reĝo por almozpeti. La reĝo demandis lin de kie li venis kaj kiu lin lernigis tiel saĝe paroli.

Tion ekscíinte, la reĝo daŭris interesiĝanta kaj demandis:

- Kiu lernigis vian filinon tiel saĝe paroli ?

La malriĉulo respondis:

- Dio donis al ŝi la saĝon kaj nian mizeron.

Poste la reĝo donis al la malriĉulo 30 ovojn kaj diris:

- Donu al ŝi la ovojn por elkovi kokidojn, kaj mi faros al ŝi donacon; se ŝi ne sukcesos elkovi la kokidojn, mi punos ŝin.

La malriĉulo transdonis al la filino la 30 ovojn. Tuj ŝi prenis fabon kaj ĝin kuiris. La sekvantan matenon ŝi petis la patron iri al kampo por semi la kuiritan fabon kaj samtempe krii:

- Dio permesu elkreski al la kuirita fabo !

Ĝuste tiam promenis apude la reĝo kaj aŭdis tion. La reĝo demandis, kiel tio eblas. La malriĉulo respondis:

- Tio eblas, kiel elkovi kokidojn el kuiritaj ovoj.

Poste la reĝo ankoraŭ kelkfoje esploris la saĝon de la knabino. Finfine li invitis ŝin veni kun la malriĉulo al la reĝa kastelo.

Ŝi venis kaj la reĝo demandis ŝin, kion oni povas plej malproksime aŭdi.

La knabino diris:

- Via reĝa moŝto, oni povas plej malproksime aŭdi fulmon kaj mensogon.

Ankaŭ la reĝo demandis, kiom valoras sia barbo, kaj ŝi diris ke la barbo valoras tiom, kiom tri someraj pluvoj.

La reĝo estis kontenta kaj decidis edziĝi. Ŝi petis lin doni al si kvitancon kun lia subskribo por ke ŝi povu kunporti el la reĝa kastelo tion, kion ŝi preferas, se la reĝo eventuale forpelus ŝin post tempo.

Ili vivis en harmonio iun tempon kaj poste la reĝo volis ŝin forpeli. La lastan vesperon ŝi ebriigis lin, kaj per kaleŝo kunportis lin al la patra groto.

La sekvantan matenon li vekiĝis surprizita. Ŝi klarigis ĉion kaj memorigis lin pri la kvitanco laŭ kiu ŝi povas kunporti el la reĝa kastelo, kion ŝi preferas.

La reĝo kisis ŝin, kaj ili kune reveturis al la reĝa kastelo.

(Tradukis el la jugoslava lingvo Branka Leontić)

...Bulgario

LA NUNTEMPA BULGARA KOMPONISTO ALEKSANDÂR RAJĈEV



leksandâr Rajĉev estas unu el la gvidaj nuntempaj bulgaraj komponistoj. La arto de Rajĉev naskiĝis kaj fortikiĝis en la fajro de la venko de la naŭa de Septembro de 1944 kaj estiĝis reflektado de la ideoj pri libero kaj nova vivo. Dum la periodo de sia 40-jara krea agado la muzika stilo de la komponisto ŝanĝiĝis, perfektiĝis lia majstreco en la evoluigo de la muzikaj bildoj. La muzikaj ĝenroj, en kiuj skribas Rajĉev, estas eksterordinare variaj, sed inter ili la simfonio okupas la centran lokon. La unua Simfonio-kantato "Li ne mortas" (1949) estas kreita laŭ unu el la plej perfektaj bulgaraj poeziplenaj baladoj de Ĥristo Botev - "Ĥaĝi Dimitâr". Per grandega poezia kaj filozofia forto la Simfonio-kantato malkovras senmortajn vizaĝojn de Botev. En la nuntempa bulgara simfonia muziko kun heroa epopea temaro, la Simfonio-kantato "Li ne mortas" okupas la plej altan lokon, unuavice kun "Oratorio pri nia tempo", de Ljubomir Pipkov, la opero "Caro Kalojan", heroa uverturo "Naŭa de Septembro" kaj "Simfonio numero 2" (Maja) de la granda bulgara klasikulo Panĉo Vladigerov.



La dua simfonio de Aleksandâr Rajĉev, "La nova Prometeo" (1958) konfirmiĝis kiel prezenta bulgara verko, konturante kun grandega arta forto la heroaĵon de la nuntempa batalanto por libero, feliĉo kaj humanismo. La tria simfonio, "Impetoj" (1966) gloras la impeton de la nuntempa Ikaro al la Suno, la impeton de la homo al la vero, lia batalo kun malhelaj faŝismaj fortoj. La kvara simfonio (por kordaj instrumentoj), verkita en 1968 estas filozofia daŭrigo de la ideoj de la simfonio "Impetoj". En la kvina simfonio (por ĉambromuziko, 1972) estas karakterizita la esenco de la komplikita nuntempa ĉiutageco, la angoro pri la perditaj amikoj, partoprenintoj en ĝia konstruado.

La simfonia skribkaraktero de Rajĉev efektiviĝas riĉajn artajn atingojn en opera, baleta, kantata-oratoria ĝenroj: en baletoj "Hajduka kanto" (1) (1952) kaj la fonto de la blankpiedulino" (1978), en la operoj "Ponto" (1964), "Via ĉeesto" (1968, la unua bulgara radioopero), "Maltrankvilo" (1974), "Ĥano Asparuĥ" (1981, okaze de jubilea festado de la 1300-datreveno de la kreado de la bulgara ŝtato). Seriozaj kreaj konkeroj, okupantaj centran lokon en la bulgara simfonismo estas: "Koncerto por orkestro" (1979); la oratorioj "Bulgarioblanka, verda kaj ruĝa" (1977) (2), dediĉita al la ideo pri la nuntempa Bulgario; "Dimitrov estas viva" (1954), la unupartaj simfoniaj verkoj "Balkana rapsodio" (1983), "Lajpcigo 33" (1972), "Leninaj generacioj" (1970); la uverturoj "Brila aŭroro" (1973) kaj "Festivala" (1976).

La kantaj ĝenroj, en kiuj Rajĉev estas aparte talenta kaj produktema (li kreis pli ol 700 ĥorajn, solajn kaj infanajn kantojn), metas en antaŭan lokon la komponiston, kiel aktiva sociaganto, kiu reeĥas per sia muziko gravajn sociajn eventojn, aktuale defendante kun sia arto la bulgarajn konkerojn en la socia vivo de la homoj. La kantoj "Partizanoj", "Grandega nomo", "La voĉo de la partio", "Marŝo de la junpioniroj", "Kanto pri la Patrujo", "Ŝaro kaj la neĝo", "Vintro en la arbaro" (teksto de Georgi Avagarski), "Bulgario, vi miriga min" (teksto de Ivan Vazov) estas popularaj kiel popolaj kantoj, kiel "La tilio" de Ŝubert.

Signifa estas la kontribuo de la komponisto al la bulgara instrumenta muziko: Koncerto por piano kaj orkestro (1947), "Klasika opuso", Infana kaj Junula opusoj por piano, Sonato kaj "Malgranda poemo" por violono kaj piano, muzikaĵoj por fluto, trumpeto kaj piano, kaj multaj aliaj. En la ĉambromuzika kreado reliefiĝas majstre verkita "Sonato-poemo" por violono kaj orkestro, kiu distingiĝas per psikologia rafineco kaj lirika vasteco de la figuroj.

En la granda formo de la verkoj de Rajĉev vive reliefiĝas la batala kaj heroa esenco, drameco kaj filozofiaj ĝeneraligoj, nuntempa temaro. La muzika stilo de Rajĉev estas aparte sentema por la tononuancadaj kaj ritmaj fontoj de la originala bulgara muziko kreado kiel por la specifaj por la dua duono de la 20-a jarcento novigantaj strebadoj al renoviĝo de la muzika lingvo, tradiciaj ĝenroj kaj formoj. En tiu ĉi riĉa sintezo koncentriĝas la trajtoj de la impresa persona stilo de Rajĉev, kiu sin prezentas kiel unu el la plej signifaj en la bulgara komponista skolo, digna daŭriganto de tiaj majstroj de la sono, kiaj Emanuil Manolov (3), Dobri Hristov, Majstro G.Atanasov, Petko Stajnov, Veselin Stojanov, Panĉo Vladigerov Pipkov, Goleminov.

Aleksandâr Rajĉev okupiĝas pri muziko de sia infanaĝo. En 1947 li finas Teorian fakon de la bulgara muzika akademio, kiel lernanto de komponado de Panĉo Vladigerov. Dum 1949/1950



li specialiĝas en la Budapeŝta muzika akademio "Fereno List", pri komponado ĉe Janoŝ Viŝki kaj Zoltan Kodaj kaj pri direktado ĉe Janoŝ Ferenĉik. De 1944 ĝis hodiaŭ, li laboras kiel komponisto, direktanto, profesoro de harmonio kaj komponado en la Bulgara ŝtata konservatorio; li estis ĝia rektoro (1972-1979), vicprezidanto de la Komitato pri kulturo, kaj de 1980 ĝis nun, prezidanto de la Asocio de bulgaraj komponistoj, konstanta parlamentano de 1971.

Aleksandâr Rajĉev estas honorita per multaj naciaj premioj kaj distingoj. Li estas laŭreato per Dimitrov-premio, heroo de la socialisma laboro, kavaliro de la ordenoj "P.R.Bulgario", 1ª grado; "Georgi Gimitrov", k.a.

Naskita en la bulgara lando, en la ĉedanuba urbeto Lom, je la 11ª de Aprilo 1922, li havis la bonŝancon renkontiĝi en sia infanaĝo kun la grandega bulgara komponisto Panĉo Vladigerov kaj esti ties lernanto. Sentante la forton de la patrolando kaj nacia arto, la 65-jara komponisto Aleksandâr Rajĉev hodiaŭ estas ŝarĝita per impeto kaj optimismo pri novaj vojoj en la patruja muzika arto, de kiu li estas unu el la dignaj dojenoj.

---

(1) La hajdukoj estas popolaj batalantoj kontraŭ otomana jugo.

(2) La bulgara standardo estas trikolora: blanka, verda kaj ruĝa.

(3) Emanuil Manolov estas kreinto de la nacia komponista skolo, kiu vivis kaj kreis en la fino de la 19-a kaj en la komenco de la 20-a jarcento (naskita en 1860 en Gabrovo, li mortis en 1902

Sofio - Gabrovo, 19.10.1987 Kina Prodanova (Ph.D.)

---

## N E K R O L O G O

La 14-an de Januaro 1988, en la aĝo de 94 jaroj, forpasis en Ĥiĥono nia kara s-ano Alberto MENENDEZ GONZALEZ, kiu dum siaj lastaj laborjaroj estis ĉefkasisto de la fervoja kompanio "Ferrocarril de Langreo".

Alberto MENENDEZ estis esperantisto de antaŭ multaj jaroj kaj ĝisosta, kaj multe aktivis en la Movado. La 9-an de Junio 1928 li ricevis de la tiama "Hispana Esperanto-Instituto" diplomon pri instruisteco de Esperanto. Antaŭ la eksplodo de nia enlanda milito, li estis prezidanto de la loka Esperanto-Grupo, kie li gvidis plurajn kursojn de la lingvo internacia. Unu el la tiamaj lernantoj estas nia nuna prezidanto, s-ano MULAS.

Okaze de la postmilita reviglliĝo de Esperanto en Asturio, kiam oni fondis en El Entrego la grupon "La Verda Kolombejo" en 1954, li tuj aliĝis denove al la Movado kun la celo daŭrigi sian esperantistan vivon kun la sama junuleca entuziasmo de la antaŭmilitaj tempoj. Nur unu monato antaŭ sia forpaso li partoprenis, la 13-an de Decembro, en la Tago de Zamenhof kun sia ĉiama gajeco, kun sia amikeca rideto.

Alberto estis tre afabla, tre simpatia homo. En lia ĉeesto oni pasigis la tempon tute senkonscie, senenue. Kaj li, malgraŭ sia jam konsiderinda aĝo, daŭre konservis sian puregan esperantistecon. Lia memoro restos en niaj koroj sendube eterne. Li lasas ĉi tere multajn amikojn.

Ni sincere kaj dolore kondolencas lian vidvinon kaj ceterajn familianojn.

# Kun mi alvenis la suno



Mi petas, kara leganto, ke vi ne interpretu malbone la signifon de la titolo,ĉar mi mem komprenas,ke ĝi aspektas iomete erariga,miskomprenebleca. Nu, ĝi ne signifas, ke mi estas la suno;Evidente, mi ne estas la suno.Ĝi ankaŭ ne signifas, ke mi kumportis la sunon, kio ja estus Dia povo. Ĝi ankaŭ ne signifas tion,kion vi legis. La ĝusta klarigo estas,ke kiam mi alvenis ankaŭ alvenis la suno. "Ha !"-vi demandas vin-"Kien iris s-ro Serrano ? Kien la suno alvenis samtempe ?" Ĉar ĉi tio ne estas novelo, mi ne deziras gardi la solvon ĝis la fino. La privilegia loko por mi kaj la suno estis Gijón. Ĉu vi estas kontenta ?

Se vi, kara amiko aŭ amikino,ankoraŭ ne niam estis en la nordo de Hispanujo,fakte vi ne konas unu el la paradizoj de nia planedo la Tero. Kaj el la nordo, se vi elektas Gijon-on tiam la plezuro esti terano superas kiun ajn koncepton pri la ĝuo de la vivo en ĉi tiu pekantá mondo. Do, sekvu mian konsilon kaj se venontjare vi povas prokrasti la pagon al la butikisto de via strato, kie vi eltiras viajn manĝaĵojn, iru al la Verda Marbordo. Fakte via butiko-vendisto kontentiĝos per la rakonto, kiun vi faros al li pri via restado en la mirinda naturo ĉe la apuda Kantabra maro.

Mi devas alĝustiĝi al la mesaĝo de la titolo. Kvankam se mi skribas pri la astura kantabra marbordo, mi tute ne eraras la vojon, ĉar iu ajn vojo en tiu montara regiono estas kvazaŭ vojo al la paradizo, kiel jam dirite.

Eĉ se la suno ne aperas, la temperaturo en Gijón estas io, kio ja meritas ĉiujn laŭdojn. Vi ne timu la malvarmiĝon,la varmego ankaŭ ne sufokos vin ! En tiu ekzotika temperaturo, vi imagu kareseman sunon, suno en ĝia ĝusta mezuro, nek varma, nek malvarma, kvazaŭ vi estus en la banujo de via hejmo, kie vi povas kontroli la akvan temperaturon. Nu, tio okazis dum mia tritaga restado en Gijón. La tago,kiam mi alvenis ekbrilis la suno (kaj strikte konfidence mi devas diri al vi, ke same okazis antaŭ du jaroj). La bona vetero konstante akompanis min, mian edzinon, loĝantojn kaj feriantojn de GIJON dum la tri tagoj. La suno briladis, varmigis niajn korpojn tre delikate, kareseme kaj iom post iom ĉiu homo fariĝis falsa negro. Eĉ unu tago iomete pluvetis. Kvazaŭ mirakle aperis nebulo, kiu akvumis niajn "pekantajn" korpojn per gutetoj de akvo, la fama "orbaju". Ĉu vi jam konas tiun pluvetadon asturan, nomatan "orbaju" ? Se vi ne konas, kara amik/in/o ĉiujn tiujn mildaĵojn, kion vi faras en ĉi tiu vivo ? Aŭskultu min:ne pagu vian stratan butikiston, nek faru la rentan deklaracion, sed iru al la Verda Marbordo. Certe vi benos min pro miaj saĝaj konsiloj. Vi estus feliĉa pro tiu duŝo de la ĉielo, kiu nomiĝas "orbaju";la suno kaj la superbelega strando de Gijón.Fakte vi forgesus ĉiujn problemojn de la mondo: la senlaboreco, la grasiĝon, la impostojn , la nukleajn armilojn, la "SIDA-n" kaj eĉ vi forgesus...vian tedan edzinon, ĉar kara amiko (Jes, jes, bela sinjorino.Vi an-



kaŭ povus forgesi vian aŭtoritatan edzon),en tiu strando de Gijón, nomata San Lorenzo,troviĝas la plej bonaj ekzempleroj de la homa raso. Sed mi, kiel viro dediĉis mian atenton al la virinoj. Kaj mi ne toleras, ke vi eĉ pensu pri mi alimaniere, tio restu klara,tre klara !!

Se mi kapablus skribi tion,kion mi pensas pri tiuj virinoj de la strando San Lorenzo(tiu sanktulo devis esti tre inteligenta!), alia estus ĉi tiu skribaĵo; sed karaj geamikoj, mi ne kapablas, mi ne kapablas, ne!! Mi ne kapablas priskribi tiom altan gradon de beleco en tiuj asturaj virinoj. Patrino mia! , kia svelteco, kiaj korpomovoj, kia majesteco, kiaj okuloj, verdaj, nigraj, kaŝtankoloraj ; iliaj korpoj, iliaj aludoj virinecaj , iliaj okuloj, iliaj korpomovoj, iliaj..., iliaj..., iliaj..., faris min simpla roboto. Por legi mi bezonas okulvitrojn, sed tie, kara leganto, mia vidokapablo multege pliboniĝis.Mi povas aserti, ke se tie ne okazas miraklo pri la vido, ĝi ja ne povas okazi en neniu loko de la mondo. Do, unuokululoj kaj homoj kun difektoj en la vido, rapidu, kuru,al la strando de Gijón !! Jes, min akompanis mia edzino, aŭ reciproke se vi preferas. Sendube ŝi okupiĝis pri sia rigardado, ĉar ni nenion interparolis. Ja kiam hazarde ni troviĝis unu antaŭ la alia, subite ni ambaŭ diris:"kial ni ne aĉetas loĝejon ĉi tie en Gijón ?" Sed subite ankaŭ samtempe ni diris:"sed ni ne havas monon, kia malfeliĉo!!"

Nun mi deziras rakonti al vi ion, kio okazis al mi. Mi trankvile banis miajn piedojn en tiu kantabra marakvo, kiam subite voĉo diris al mi: "Mi dankas vin,sinjoro Serrano, ke vi venis lavi viajn malpurajn piedojn en ĉi tiuj akvoj; mi dankas vin".La voĉo silentis kaj ne plu reparolis.Ĉu vere venis el la profundo de la maro tiu voĉo?, ĉu ankaŭ en la strando de Gijón estas feinoj , tiuj diinoj de la maro ? Kredu min,karaj amiko kaj amikino. Inter la granda laboro de miaj okuloj, la voĉo veninta el la interno de la maro kaj mia edzino, kiu multe ridadis malantaŭ mi, mi ne sciis kion fari. La feliĉo inundis min, kaj ŝajnis kvazaŭ mi troviĝus en la edeno. Mi ne sciis, ĉu mi troviĝis en ĉi tiu mondo aŭ en la brakoj de la eterna feliĉo. Ho ve!, se mi estus kapabla verkisto, se mi estus kapabla verkisto !

Almenaŭ dum tri tagoj la Gijon-aj loĝantoj kaj feriantoj sin sentis feliĉaj. Ĉiuj ridadis, konversaciis, afable kondutis . Sed mi kun mia edzino modeste promenadis.Mi ne deziris sciigi al tiuj plenfeliĉaj homoj, ke la kaŭzanto de tiu paradiza etoso estis

(daŭrigo sur la paĝo 11)



# Propono de rezolucio poresperanta

En nedatita faldfolio de "Esperanto – Infor /"SAT – AMIKARO" en Belgique" aperis en la franca la teksto, kiun mi esperantigis por la karaj legantoj de "HELECO", pro ĝia nedubebla graveco, kaj vi povas legi ĉi sube.

PROPONO DE REZOLUCIO

prezentita de Anna-Maria LIZIN laŭ la artikolo 47 de la regularo.

Temo: la studado de Esperanto.

La Eŭropa Parlamento,

KONSTATINDE, ke la ekspansio al Hispanio kaj Portugalio pligrandigas plue la problemojn de la lingvaj rilatoj ene de la eŭropa komunaĵo,

KONSIDERINTE, ke la lingvo estas fundamenta en la homaj rilatoj,

JUĜINTE, que unu lingvo komuna al ĉiuj Ŝtatoj-membroj faciligus la alproksimiĝon inter la eŭropaj popoloj kaj ties reciprokan kompreneblecon,

KONSCIINTE, ke Esperanto ne apartenas al iu lando kaj ke temas pri simpla lingvo rapide lernebla,

REMEMORANTE la sintenon de UNESKO, kiu de 1954, kaj ankoraŭ ĵuse inklinas al la enkonduko de Esperanto en ĉiujn landojn.

1 – DEZIRAS, ke Esperanto estu instruata al la infanoj en ĉiuj Ŝtatoj-membroj samtempe kun ties patrina lingvo;

2 – KOMISIAS, sian Komisionon por juneco, por kulturo, por edukado, por informado kaj por sportoj studadi tian aranĝon.

Noto de la tradukinto: Anna-Maria LIZIN estas membro de la Eŭropa Parlamento. Je la fino de la antaŭa teksto, ŝi manskribis en la franca: "Tre amikece" kaj subskribis. En la plej suba parto de la paĝo oni povas legi:

CHAUSSEE D'ANDENNE, 6 B-5202 BEN-AHIN – TEL. (085) 23 08 64.

Langreo, la 20-an de Novembro 1987

ALCIBIADES GONZALEZ MEANA



(daŭrigo de la paĝo 3)

MANKANTAJ KOMOJ

En la paĝo 4, unu antaŭ s-ro KE, en la 15ª linio.

En la paĝo 7, tri; post s-ro ESPERANTO, en la 12ª linio, kaj antaŭ s-roj KIEL kaj ELDONIS, en la 31ª linio.

En la paĝo 8, du: post s-ro HERRERO kaj post s-ino MALAGA, en la 5ª linio.

En la paĝo 13, unu antaŭ s-ino NIA, en la 17ª linio.

Esperburgo, en la 18ª de Januaro 1988

LA ĈEFKOMISARO,
Al. Zibjades

# HEROLDO DE ESPERANTO

## INFORMO

"Heroldo" translokiĝas kaj plibonigas siajn servojn

En sia 67-jara internacia vivo, "Heroldo de Esperanto" -- la dua plej legata kaj la plej ofta periodaĵo en Esperanto -- trapasis kelkajn etapojn: ĉiu el ili signifis por la gazeto gravan svingon kaj esencan progreson.

"Heroldo" naskiĝis en Kolonjo en 1920 fare de Teo Jung, sed rifuĝis en Nederlando kun sia fondinto antaŭ la Dua Mondmilito, por savi sin de naziaj persekutoj.

En 1962, la nuna redaktorino transprenis la gazeton al Bruselo kaj flegis ĝin tie 17 jarojn.

En 1979, "Heroldo" denove sekvis la redaktorinon: ĉifoje temis pri Madrido, kie la edzo, Gian Carlo Fighiera, deĵoris dum 9 jaroj kiel funkciulo de la Monda Turisma Organizaĵo.

Nun, komence de 1988, li definitive revenos al sia naskiĝurbo, kie li fruemeritiĝos kaj laboros kiel sendependa konsilisto pri kongresa turismo.

Tial, "Heroldo" daŭrigos sian aperadon en Torino, la historia ĉefurbo de Italio.

La nova etapo de la gazeto antaŭvideble restos stabila dum multaj jaroj. Ĝi startos sub tre favoraj cirkonstancoj. Plej unue, la redaktorino ricevos gravan edzan helpon, dank' al kio eblos plibonigi la enhavon de la periodaĵo. Due, "Heroldo" aĉetos komputilan kompost-maŝinon kaj la redaktorino mem kompostos la tekstojn: tio permesos liberigi la gazeton de la jugo de ekstera kompostisto. Trie, la redakto-ritmo kaj la presado fundamente plirapidiĝos: estos komplete eliminitaj la lastatempaj bedaŭrindaj malfruoj.

Pludaŭras, evidente, la vendado - pere de la libroservoj - de la tri sukcesaj lernolibroj de "Heroldo": "Paŝoj al plena posedo" (5 eldonoj) de W.Auld, "Nuevo método de Esperanto" de F.de Diego kaj "Nouvelle méthode d'Espéranto" de E.Ludwig kaj R.Triolle.

Ni ĉiuj deziru al la nova "Heroldo de Esperanto" brilan sukceson!

"Heroldo de Esperanto", leĝe registrita soc.sen profitcelo

Noto: ekde mezo de januaro 1988 bonvolu ne plu sendi korespondaĵojn al Madrido, sed uzi la novan adreson: Ada Fighiera-Sikorska, "Heroldo de Esperanto", Via N.Sandre 15, I-10078 Venaria R.-Torino (Italio). Pagojn sendu al la landaj perantoj, al la malsupraj poŝtkontoj, aŭ: A.Sikorska-"Heroldo", conto 32108, Banco di Roma, via Alfieri, Torino (Italio)

**Poŝtĉekkontoj: belga,** Bruselo 000-0078887-26; **germana:** Köln 194943-504.



(daŭrigo de la paĝo 9)

**mi, ĉar ĉiam kiam mi iras al Gijón la suno estas tie. Ne, mi ne volis fanfaroni pri nenio, ĉar imagu, kio estus okazinta se oni malkovras tiun povon mian ? Prefere ni ne parolu pri tio, mi silentu, kaj vi, kara leganto, ankaŭ. Dankon !**

**LUIS SERRANO PEREZ**
**(*SABADELL*)**

# KUIRANTE KUN PILAR

## KANKRO

INGREDIENCOJ: 1 kankro.
Laktukaj folioj.
Pecoj da citrono.
Majonezo.
Salo kaj pipro.

---

Elprenu el la kankro la viandon (internaĵon) kaj ĝin metu sur krispigitajn laktukajn foliojn.

Garnu la tuton per pecoj da citrono kaj per majonezo.

Salu kaj pipru.

BONAN APETITON !